AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno XV, Fünfhausgasse 16, Aŭstrio. — Telefono R 33-3-64*

8a jaro NOVEMBRO/DECEMBRO NRO. 11/12

## SEKCIA ĈEFO DRO KARL DWORSCHAK 50 jara.

La 24-an de Okt. nia ŝatata akcelanto kaj honora prezidanto, s-o general-poŝtdirektoro de la aŭstria poŝt-k. telegraf-administracio dro D w o r s c h a k festis sian 50-an naskiĝtagon.

La centra estraro de A.E.F. uzis ĉi-okazon por esprimi al li gratulojn de la aŭstria Esperantistaro, transdonante al li gratuladreson kaj bondezir-florojn kaj samtempe dankante al li pro lia longjara simpatio al nia movado k. pro lia ĉiama akcelado de nia Federacio.

Nia s-o honorprezidanto, kiu mem en siaj studentaj jaroj lernis nian lingvon, ĉe multaj gravaj okazoj speciale en poŝtaj medioj pledas por nia lingvo, rekonante ĝian gravecon kaj rekomendante ĝian uzon en la internaciaj trafiko kaj telekomunikado. ./.

## NIA DRO GRIMME 50-JARIĜIS.

La 23-an de Okt. festis ankaŭ nia samcelano kaj amiko, s-ano senata konsilisto dro G r i m m e sian 50-an naskiĝtagon. Ankaŭ al li la centra A.E.F.-estraro esprimas nome de la aŭstria samideanaro la plej sincerajn kaj amikecajn gratulojn, dezirante al sia multmerita aktivulo pluajn bonfartajn vivjarojn.

Nia s-ano dro Grimme estis unu el la fondintoj de la A.E.F. kaj jam ekde la jaro 1934-a li aktive partoprenis ĉiujn laborojn de la malnova A.E.F. En la jaro 1945-a li kune kun pluraj vienaj Esp.-aktivuloj kunhelpis restarigi la iaman A.E.F. kiel superpartian kaj centran aŭstrian E.-organizon. Li ankau sukcesis refondi la "Aŭstrian Esp. Instituton", la lingvosciencan kaj literaturan sekcion

x/x

Daŭrigo ./.

En la jaro 1947a sukcesis al nia,bedaŭrinde jam mortinta s-ano kalkul-konsilanto Rudolf M.Frey reinteresi s-on general-poŝtdirektoron al nia afero kaj aligi lin al nia movado,instigante lin transpreni la honoran prezidantecon de nia A.E.F.kaj la vicprezidantecon de ILEPPTO.La en la jaro 1949 okazinta eldono de la unua aŭstria E.-poŝtmarko, la regula disponigo de la belaj salonoj de la ĝenpoŝtdirekcio por Zamenhoffestoj,la multfoja dediĉo de specialaj poŝtstampoj okaze de gravaj nialandaj E-aranĝoj kaj laste la konsento pri fiksigo de E.-informtabuloj en la poŝtficejoj estis liaj valoraj kontribuoj al niaj laboroj por Esperanto;same kiel la dekretigo,ke ĉe la novaj oficialaj bildpoŝtkartoj la bildtekstoj ankaŭ estu en E-Fine lia merito estas liaj sukcesaj klopodoj por eldono de la dua aŭstria Esp.-poŝtmarko,okaze de la"50-Jar-Jubileo de la Aŭstria Esp.-Movado", printempe 1954.

Ni,aŭstriaj Esperantistoj,tial ripetas niajn gratulojn kaj aldonas bondezirojn por plua longjara bonfarto kaj esperas lian pluan simpation al niaj klopodoj,celantaj la progresigon kaj venkigon de nia lingvo.

La centra estraro de A.E.F.

Daŭrigo x/x

de la Federacio kaj ĉiel klopodis eldonigi la "Aŭstrian Antologion", kolekton de tradukverkoj de aŭstriaj E-poetoj kaj poezi-amikoj.

Depost la jaro 1945 li staras en la unua vico de la aktivaj Esperantistoj, prezidante la federaciajn estrarkunsidojn kaj akcelante ĉiam kaj ĉiel la laborojn kaj la agadon de la A.E.F. kaj de la Viena E.-Centro.Grava ĉeflaboro lia estas la plurjara redaktado de la Esp.-angulo en la multlegata viena socialista revuo " Die Frau " (la sinjorino), en kiu li aperigis ne nur pri - Esperantajn artikolojn, sed ankaŭ plurajn por-komencantajn kaj perfektigajn E.-kursojn. Lastatempe li fariĝis estro de la novfondita " Aŭstria Socialista Ligo Esperantista ".

Dankante al nia s-ano dro Grimme, ni deziras kaj al li kaj al ni pluan longdaŭran kaj amikan kunlaboron.

La estraroj de A.E.F. kaj de la A.E.I.

Vienaj samideanoj atentu!

INVITO
al
ZAMENHOF-FESTO
de la viena Esperantistaro,
okazonta SABATE LA 12an DE DECEMBRO je 18a h
en la festsalono de la ĝeneral-postdirekcio,
WIEN I., POSTGASSE 8.
La estraro de la VIENA ESPERANTO DELEGITARO atendas la certan ĉeeston de ĉiu viena Esperantist(in)o al ĉi tiu nia grava aranĝo!

=================

A.E.F.-estraro

En la AEF-estrar-kunsido de la 21.X. atentigis la AEF-prezidanto s-ano dir.Glüxmann al la gravaj taskoj de nia organizo,de niaj landestraroj kaj de niaj grup-(societ)-estraroj en la nuna agad-jaro, kiu pro la fakto,ke estos festata la 50-jariĝo de nia aŭstria Esperanto - movado, devigas la aŭstrian Esperantistaron al speciala, intensiva aktiveco.

Plenumante la decidon de la ĉi-jara AEF-ĝeneral-kunveno invitas la centra A.E.F.-estraro al

AŬSTRIA JUBILEA ESPERANTO-KONGRESO

okazonta en la tagoj de la 5-a ĝis 8-a de Junio 1954 (je pentekosto)en Vieno kaj esperas, ke la tuta aŭstria samideanaro per multnombra aliĝo kaj partopreno rekompencos la klopodojn de la vienaj Esperantistoj, aranĝantaj tiun ĉi unikan aŭstrian Esperanto-feston.

La kongresa kotizo estas fiksita je S 15.-, por familianoj je S 10.-.Eksterlandaj ges-anoj estos niaj gastoj (nenia kotizo)Donacoj por la kongresa kaso estas petataj.

Provizora Kongresa Programo:

Sabate 5.VI.54 = Akcepto de kongresanoj-Vizito de Intern. Esp-Muzeo-Fakkunsidoj-Interkona Vespero,
Dimanĉe 6.VI.54= Katolika Di - servo kun Esp.-prediko, Jubilea kongresa fest - kunveno, Vizito de Schönbrunn - Amika Vespero;
Lunde 7.VI.54 = atm k.ptm.: AEF-ĝeneralkunveno 1954, Vizito de viena "Prater";
Marde 8.VI.54 = Kongresa ekskurso, Adiaŭa kunveno.

La aŭstriaj ges-anoj estas petataj TUJ finplenigi la aldonitan aliĝilon kaj transsendi ĝin kun la kotizo(j) kaj kongresa donaco al la AEF-Centro, Wien XV, Fünfhausg. 16-18, ĉu rekte letere kaj per poŝtpagilo, ĉu kune pere de iliaj societoj (grupoj-kluboj). Per baldaŭa aliĝo al la "A. J. E.-K" estos la preparlaboroj grave akcelataj. Do, ĝis revido en Vieno, Karaj samcelanoj!

## AŬSTRIA ESPERANTO-KRONIKO

WIEN - Viena E.-Delegitaro : La 25-an de Okt. okazis en restoracio Tivoli la "V-a VIENA ESP.-TAGO";ĉeestis ĉ-aŭ 110 ges-anoj el ĉiuj vienaj AEF - grupoj. S-ano VED-estro Vokal malfermis la VET-53 per bonvenigaj vortoj kaj povis ankaŭ saluti la svedan s-anon Axel Fridén, kiu mem la ĉeestantojn alparolis. S-ano Cech faris agadraporton kaj alvokis la ges-anojn al aktiva kunlaboro en grupoj, en la Delegitaro kaj en la A.E.F.Insiste li ilin invitis al plej baldaŭa aliĝo al la"Jubilea Aŭstria Esp. Kongreso" - pentekoste 1954.S-ano emer.maj.Sinner raportis pri sia multspeca pasintjara agado kiel U.E.A.Delegito por Vieno,invitante al aniĝo al ĉi tiu plej grava internacia E-organiaĵo; sekvis plue alparoloj de la reprezentantoj de fakgrupoj : Berdan (social.), Gschanes (instr.),Mudrak (katol.),Finkenzeller(Nat.Am.),Steffi Krautschneider(Pacam.)kaj koncizaj raportoj pri la "VIa A.E.-Kgr".-Klagenfurt(Cech)kaj pri la "38-a Univ.E.Kgr.-Zagreb (Werner).Al s-anino Leser, kiu gajnis ĉe la literatura konkurso de la"38-a"la 2-an premion estis esprimitaj la gratuloj kaj same al s-ano Janecka, estro de la poŝtista -fakgr. pro sia 25-jara Esperantisteco.

Al la akcelantoj de nia movado, s-o hon.prez. dro K. Dworschak,gen.poŝtdir., s-ano hon.prez. em. ministro dro Frenzel kaj al s-ano urbestro Fr.Jonas estis senditaj salutleteroj. Dum la mallonga paŭzo estis lotumitaj 10 E.-libroj dediĉitaj de la"Danubio".En la distra parto recitis s-anineto Helga Vokal poemon verkitan de s-ano Kraus kaj s-anino Jenny Weleminsky 2 memtradukitajn poemojn el la angla kaj germana lingvoj. Per laŭtlego de "Vortoj de dro Zamenhof" kaj kantado de la himno finiĝis la aranĝo.

VED-kunvenoj okazas ĉiun unuan merkredon de la monato (t.e.2.XII.53, 6.I.54 ktp) je 18.30 en E.-Centro,Wien XV,Fünfhausg.16.Vienaj AEF-grupoj delegu reprezentantojn.

SALZBURG: Katol.E.Gr."Estonteco" - kunvenoj ĵaŭde en la Kolpinghaus je 21a h."Salzburger Volkshochschul"anoncis en sia kursprogramo E.-kurson.Gr.-estro,s-ano vikario Kaps,faris en la submajstra unuiĝo varbparoladon kaj gvidas nun tie kurson kun 10 partoprenantoj. La grupo eldonis nun duan propagandilon en 6.000 ekz.por katolikaj medioj.Mendojn bv. direkti al la gr.-sekr.,st.teol. H.Reiter,Salzburg I/557 (ankaŭ grupadreso).

E. S. "Verda Stelo" : Okaze de la vizito de la viena urbestro, s-ano Franz Jonas, havis la societestro, s-ano Hörtenhuber kaj pluraj societanoj la okazon kun li esperantlingve interparoli. La en la festivala domo okazinta interparolo estis pro la ĉeesto de eminentaj sampartianoj de s-ano Jonas tre efika propagando por Esperanto.

STIRIO - Knittelfeld : E.S."Verda Stelo"-La longjara k. meritplena societano kaj UEA-vicdel. s-ano Rudolf Pavlik festis komence de Oktobro sian 70-an naskiĝtagon. La soc. honoris la stirian E-pioniron en speciale kunveno,dum kiu la grupestro,s-ano Zuber kaj la loka UEA-Del. s-ano dro Halbedl en koraj alparoloj al s-ano Pavlik gratulis kaj pro liaj longjaraj klopodoj dankis.La festeton aranĝis s-anino Halbedl; la loka gazeto "Ob. Steierische Rundschau" raportis pri tio en sia "E-o angulo". La AEF-estraro al la jubilanto gratulas kaj deziras al li pluan longjaran bonfarton.

MALSUPRA Aŭstrio - Wr.Neustadt : La loka AEF-grupo aranĝis la 28-an de Okt.okaze de la 60-jariĝo de sia grupestro,s-ano Gust.Schmidt,amikan vesperon, kiun ankaŭ ĉeestis la AEF-landestro, s-ano J.Schwartz el Felixdorf,kiu al s-ano Schmidt gratulante dankis pro liaj laboroj por E-o.La AEF-estraro ankaŭ elkore gratulas.

St.Veith a/Tr. - S-anino Antonie Tempus,malnova aktivulino daŭre klopodas interesigi siajn samurbanojn pri niaj lingvo kaj movado.

SUPRA AŬSTRIO - Linz - E.S."Estonto" : adreso s-ano Karl Nigl,Prinz-Eugenstr.11 sciigas,ke 4 E-karavanoj el Nederlando (2),Norvegio kaj Svedio, plue ges-anoj el Francio, Italio,Nederlando,Germanio kaj Jugoslavio alvenis ĉi-jare al la Super - Aŭstria ĉefurbo. La 15.IX. vizitis s-ano Petit el Parizo kun familianoj la societon. La eksterlandaj gastoj loĝis grandparte ĉe ges-anoj.

Fervojista E-Fakgrupo, kiu komence de Septembro aran-

ĝis sukcesan "Fervojistar Ferio-Semajnon" atendas pluajn mendojn por la de ili eldonitaj stacidomaj inform-tabuloj. E-grupoj kaj s-anoj, kiuj estas pretaj doni al travojaĝantaj E-istoj kaj al lokaj interesuloj informojn anoncu vin plej baldaŭ! (Adreso : Bahnhofstr. 3)

W I E N - Centro-Gr. : Kunvenoj ĉiu dua kaj kvara ĵaudo en VII., Sigmundg. 14-gastejo Bauer- je 19-a vesp. estro s-ano Zodel; konversacio, prelegoj, biblioteko.

Verda Stelo : kunvenoj lunde, 19a; Volkshochschule, V., Stöberg.; perfektiga kurso, 17 pers. estas gvidata de grupestro s-ano Braun; lernrondon gvidas s-ano Finkenzeller.

Danubio : Kunvenoj la unuan kaj trian lundon je 10-a VII., Sigmundg. 14, gastejo Bauer; paroladoj, konversacio biblioteko de 500 volumoj.

Suno-Socialista Esperantistaro : Kunvenoj la unuan k. trian mardon en la monato je 19-a h en la S. P. Ö.-Heim, XXI., Donaufelderstr. 259, tramoj 17, 25 - Konversacioj.

Nia Vojo : Kunvenoj vendrede je 20a en SPÖ-hejmo, XVI, Schumeirpl., aranĝis kurson, gvidatan de s-ano Navratil.

Naturamika Fakgr. : Kunvenoj marde je 19a, XV. Dieffenbachg. 36. La grupo ĝojis saluti s-anon Fridén; perfektigan kurson vizitas 12 ges-anoj.

Laboro: Kunvenoj ĵaude je 19a, XVIII., Schopenhauerg. 49, Volkshochschule. Grupestro s-ano Novacek proponas la aranĝon de fenestraj ekspezicioj en konataj vendejoj. La malgrandaj ekspozicioj certe sukcesos interesigi multajn personojn al nia lingvo. Sciigu viajn ĉi-rilatajn rezultojn al la AEF-Centro.

Viena Pacrondo E-ista kunvenos lunde la 30.XI. je 19a en la E-Centro; el la programo: Raportoj k. debato pri aktualaj porpacaj problemoj.

Konversacia Rondo : Laŭ propono de pluraj ges-anoj intencas la AEF-Centro starigi K. R. por doni al la vienaj ges-anoj la eblecon de perfektigo kaj konversado. Interesuloj estas petataj sin poŝtkarte ĉe la AEF-Centro anonci. La kunvenoj okazos posttagmeze !

## INTERN. ESPERANTO-MUZEO, WIEN.

La "I.E.M.W." estas ankaŭ en la vintro-monatoj, lunde merkrede kaj vendrede de la 10-a - 15-a h. vizitebla; ĝi troviĝas en Wien I., Hofburg, Michaelerplatz (dekstre), Bathiani-Stiege: Grup-vizitojn bv. antaŭe telefone -R27944- interkonsenti.

A N M E L D U N G

zur Teilnahme am

ÖSTERR. JUBILÄUMS ESPERANTO - KONGRESS 1954
=50-jaroj Aŭstria Esp,- Movado = 19o4-1954=

Wien, 5. - 8.Juni 1954

---

Vor- und Zuname : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Wohnort : . . . . . . . . . . . Straße : . . . . . . . . . . .

Post : . . . . . . . . . . . . . Bundesland : . . . . . . . . .

Mitglied der AEF-Gruppe : . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Familienmitglieder : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ich wünsche ein ...-Bett-Zimmer im Hotel, Privat oder Gemeinschaftsunterkunft für ... Nächte.

Ich nehme teil an der Fachsitzung der ......Fachgruppe

....... -"-

Besondere Wünsche : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Der Betrag für den Kongreßbeitrag von S 15.--
für Familienmitglieder " " 10.--
und für Kongreß-Spende " " .....

zusammen S

wurde auf das P-Sp-Kto des Österr. Esp.-isten Verbandes Wien, Nr 183874 eingezahlt oder durch die AEF - Gruppe ..................in bar oder durch die P-Sp-K. überwiesen.

.......................... .......................

Ort und Datum Unterschrift

!! Bitte s o g l e i c h ausfüllen und an das Esperanto-Centro, Wien XV., Fünfhausgasse 16 - 18 einsenden !!

AŬSTRIA ESPERANTISTA FEDERACIO

INVITO al AŬSTRIA JUBILEA ESPERANTO-KONGRESO
Vieno-Pentekoste 1954.

EINLADUNG zum ÖSTERREICHISCHEN JUBILÄUMS ESPERANTO - KONGRESS
Wien-Pfingsten - 1954

Kara samidean(in)o!

Jam en la antaŭa numero de nia A.E.R. vi legis pri la okazigo de "Jubilea Aŭstria Esperanto - Kongreso", kiun la Aŭstria Esperantista Federacio, okaze de la 50-jara ekzisto de la Esp.-Movado en nia lando aranĝas.

Ni atendas speciale pro tiu eksterordinara evento vian certan partoprenon al ĉi tiu grava Esperantista manifestacio kaj petas vian plej baldaŭan aliĝon kaj plue, ke vi atentigu kaj instigu al vi konatajn ges-anojn kunfesti la jubileon de la aŭstria Esp.-movado.

De VIA partopreno dependos la sukcesa daŭrigo de niaj laboroj kaj de nia movado.

Ne hezitu transsendi al ni la aliflankan aliĝilon; akcelu per tio niajn preparlaborojn kaj montru per tio vian vivan intereson pri nia movado !

Schon in der vorigen Nr. unserer A.E.R. haben Sie von der Veranstaltung eines "Österr. Jubiläums-Esp-Kongresses", den der "Österr. Esperantisten-Verband" anläßlich des 50 - jährigen Bestandes der Esp. -Bewegung unseres Landes einberufen hat, gelesen. Wegen dieses besonderen Ereignisses erwarten wir Ihre bestimmte Teilnahme an diesem Kongreß und ersuchen Sie um Ihre ehebaldigste Anmeldung und weiter, daß Sie alle Ihnen bekannten Gesinnungsfreunde zur Kongreßteilnahme einladen.

Von IHRER Teilnahme hängt die weitere erfolgreiche Fortsetzung unserer Arbeiten und unserer Bewegung ab. Zögern Sie nicht mit der Absendung der umseitigen Kongreßanmeldung; unterstützen Sie dadurch unsere Vorarbeiten und beweisen Sie auch dadurch Ihr Interesse an uhserer Sache!

Samideanece por la estraro de la A.E.F.:

Dir.P.Glüxmann
prezidanto mp

R.Cech
afergvid. mp

R E E : N o v a j R a d i o - t e m p o j !!

Radio Wien I = 513,7 m kaj 48,7 m : ĉiu-lunde je 23.10 h - 23.15 h = Esp.-Informoj kaj ĉiun duan merkredon(2.XII, 16.XII. 3o.XII.ktp)je 16.30 - 16.4o MET = Radio-E-Servo. Ges-anoj,bv aŭskulti kaj sendu al Ravag, Wien IV.,Argentinierstr.30a dank-poŝtkartojn ! Skribu multnombre !

UNIVERSALA ESP.-ASOCIO - U.E.A.

Ĉefdelegito por Austrio s-ano Mag.Fr.Höfert,Wien XV.,Penzingerstr.121, invitas la aŭstriajn ges-anojn al aniĝo k. kunlaboro kiel delegito de ĉi tiu grava Esp.-organizo. La kotizoj por 1954 : MJ-Membreco k. Jarlibro = S 27.-; MA-Membreco-Jarlibro-revuo "Esperanto" = S 72.-; abono de la revuo = 45.--. La viena UEA-delegito, s-ano emer.maj.Osk. Sinner, Wien XII., Schönbrunner Allee 53, sendis detalan agadraporton el kiu ni citas : komercaj informoj por f-ao en Lucca (Ital.); aranĝo de dana karavan - vizito (s-ano Friis); aranĝo de sveda karavan-vizito (s-ano G. Ringh); brita s-ano informis pri E-interesulo en Vieno; Sardinia s-ano petis vojaĝinformojn;akcepto de sveda s-ano Nerlufsen kun geamikoj; irlanda s-ano P.Harding serĉis konatulan s-anon en Vieno; s-ano F.Besold-Kaiserslautern (Germ.) petis informojn pri aŭstria E.-movado; s-ano Bonander - Karlskoga (Sved.) petis informojn pri restado en Vieno; s-ano St.Roman-Warsaawa petis alsendon de mod - jurnaloj; s-ano N.Taniguchi-Kinoskicho (Japanio) deziris informojn pri salajro aferoj; s-ano E. Paoli-Milano petis akcepton okaze de restado en Vieno; s-ano A. Valle-Guatemalo petis muziknotujn; dro O. Nanni-Bologna : vojaĝservojn okaze de restado en Vieno; s-ano A. Vedrine - Lyon petis interveni ĉe viena E-interesulino.

Jen konciza ekstrakto el la praktika kaj aplika uzo de Esp-o. Ankaŭ ni aŭstriaj s-anoj uzu Esperanton kaj la servojn de U.E.A. !

39a UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN HAARLEM

La nederlandaj gesamideanoj komencis jam la preparlaborojn por la "39-a", kiu okazos en la tagoj de la 31-a de Julio ĝis la 7-a de Aŭgusto 1954 en Haarlem, la ĉef-urbo de la provinco Nord-Holando. Kongres-kotizo ĝis 31 XII.1953 : hfl 19.-- (ĉ-aŭ 115.- S)

## ŜTATAJ ESPERANTO EKZAMENOJ.

La ŝtata ekzamen-komisiono sciigas, ke la ekzamenoj (por instru-kapableco kaj por lingvoscio) komencos la 7 -an de Decembro. Sinanoncoj direktu TUJ al la direkcio de la Ŝtata Esp.-Ekzamkomisiono, Wien I., Minoritenpl. 5

## K A T O L I K A   E S P E R A N T I S T A   V I V O

A K L E, Wien/Leteradreso: W. Mudrak, Wien III, Beatrixg. 19/9, kunvenas ĉiun 2an kaj 4an mardon de la monato de 17-19h, I., Graben 13/IV (Kreuzbundheim): Komuna tradukado, prelegoj diskutoj, kantado. Kurso por komencantoj: samloke, ĉiumarde de 19.15 - 20.30; ekzercrondo por kurspartoprenintoj ĉiun 1-an k.3-an mardon de 18a - 19a h.

Aranĝoj : 8.XII.: Advent-medito kaj Zamenhof-memoro,
22.XII.: escepte ne okazos kunveno; anstataŭe :
29.XII.: K r i s t n a s k a-Festado (17a-20a h)
ADVENT-DI-SERVO en Decembro : Informo sekvos !

Abonu, resp. reabonu al "ESPERO KATOLIKA"; depost junio n.j. aperanta ree presita, en nova pli plaĉa vesto kaj pli riĉenhava. Abonpago por 1954 S.30.-- (al postŝp.-kto 105713 -Walter Mudrak, Wien.)

"TUTMONDA LAUDO"- KATOLIKA PREĜARO, verkita de H.G.Wannemakers S.J.1952. Eldonita de E-o Film-Grupo, Bergen op Zoon, Nederlando, kun oficiala eklezia prespermeso. Havebla ĉe "Espero Katolika", resp. ties aŭstria peranto (W. Mudrak). Prezo por aŭstrianoj : S 36.--.

La inda verketo estas certe la plej signifa, ĝis nun aperinta katolika preĝlibro. Speciale valoraj la diversaj smes-tekstoj, tute laŭ la eklezia mes-libro, do laŭ maniero de nia konata "Schott"-meslibro. Despli oni bedaŭras, ke la tekstoj de la ĝeneralaj preĝoj ree diferencas de ĝis nun uzataj. Kiel aŭstriano mi bedaŭras ankaŭ, ke inter la Kristnask-kantoj mankas nia mondfama "Stille Nacht" (Paca nokt'). Tamen "Tutmonda Laŭdo" meritas grandan laŭdon kaj varman rekomendon kaj ĝia eminenta pastra verkisto koregan dankon. M.W.

## AŬSTRIA ESPERANTO INSTITUTO

Kunsidoj ĉiun kvaran merkredon de la monato, t.e. 25.Nov. 23.Dec. ktp, je 17a h en AEF-Centro. En la lasta kunsido estis traktataj lingvaj problemoj kaj estis decidita daŭrigi la eldonon de la "AŬSTRIA ANTOLOGIO".

## NOVA GAZETA E.-KURSO.

La redakcio de WIR UND DIE WELT (Ni kaj la mondo),revuo por junaj homoj - eldonejo Waldheim-Eberle-Verlag en Wien VII/62 - komencis en la 2-a ĉi-jara numero E-kurson sekve de pluraj enkondukaj kaj informaj artikoloj.La kurson redaktas la s-anoj dir.Menacher kaj Gschanes,estraranoj de la "Aŭstria Instruista Esp.-Societo".

## R E C E N Z O

Karl Vanselow : Nia lingvo Esperanto.Elektita poezio por deklamo kaj kanto. Unua kajero de la dua serio. Ardesia eldono, Berlin, Winterfeldstraße 27.

Denove 40 poemetoj en flua lingvo estas prezentitaj en malgranda libreto. La laŭda recenzo de la unua serio validas ankaŭ por tiu daŭrigo. Cetere la poeziaĵoj de Vanselow estas jam tiel konataj kaj ŝatataj, ke ne nesesas relaŭdi lian mirinde simplan, melodian stilon. Serio de bonhumoraj poemoj pri Tobias Knopp estas fidelmaniere versigitaj laŭ Wilhelm Busch.

Tuta serio konsistanta el tri tiaj libretoj kostas nur 4 internaciajn respondkuponojn. Akiro ege rekomendinda por ĉiuj Esperanto - societoj, kiuj volas en ĝaja maniero lingve progresigi siajn anojn. E. Werner.

## NOVAJ ESPERANTO-GVIDILOJ.

Nidaros Cathédral - ilustrita libro (angla - Esperanta - franca) pri la antikva katedralo de Trondheim-Norvegio (84 paĝ. - 72 bildoj); Bonn - 2 novaj faldprospektoj en germana lingvo kun aldonitaj plurlingvaj tradukoj i.a. ankaŭ en E-o.; Hannover - malgranda gvidilo, 6 paĝa faldfolio; Nürnberg - 20 - paĝa prospekto en 7 lingvoj kun ilustraĵoj; artikolo en Esp.-o.; Ljubljana - 6 paĝa kartona faldfolio kun bonveno al la kongresanoj;

## GESAMIDEANOJ - SINDIKATANOJ !

Dum la "38a UK" en Zagreb okazis kunveno de ges-anoj anoj de sindikatoj.Estis decidite komenci unuecan por-E-propagandon en sindikataj medioj. Niaj s-anoj G. Loibel (Wien) kaj F.Watzinger (Villach) estis nomitaj aŭstriaj perantoj. La fondota sindikatana AEF-sekcio alvokas ĉiun s-anon,kiu estas ano de unu el la 16 aŭstriaj sindikatoj alsendi al la AEF-Centro sian adreson kaj proponojn.

## SVEDA SOMERA SEMAJNO 1954

La Sveda Esperanto-Instituto invitas al "Sveda Esperanto Semajno-1954",okazonta la 8 -15. VIII., do tuj post la UK en Haarlem, en Frostevallen, loko situanta en suda parto de Svedio. Ĉar la nombro de la partoprenantoj estas limigita anoncu sin interesuloj plej baldaŭ ĉe la Viena A.E.F.-Centro.

## KOMUNIKOJ DE SOCIALISTAJ ESPERANTISTOJ.

Post la someraj ferioj la AŬSTRIA SOCIALISTA LIGO ESPERANTISTA, (adr.:Wien XV.,Fünfhausg.16) denove ekprenis la aktivan laboron kaj kunvenas regule ĉiun duan merkredon en la monato je la 19a h en la E-Centro - La 14an de Okt.k-dino J.Leser prelegis sian rakonton "La limo",premiitan de UEA per la dua prezo inter la 69 gekonkurantoj kaj rikoltis riĉan aplaŭdon. Poste ŝia filo,k-do Norbert Leser, raportis pri impresoj el orienta Germanujo.La 11. XI. okazis multe aplaŭdita E - prelego de k-do St. Zodel kaj poste priparolado de organizaj aferoj.

La Sveda Laborista E-Asocio eldonas tielnomitan E-paralelkurson por socialist-tendencaj gazetoj diverslande, en kiuj la lecionoj ĉiam aperas samtage,kio sekvigas, ke la gelernantoj akiros preskaŭ samtempe la egalan lingvoscion. En Aŭstrio klopode de ASLE ĝis nun tri gazetoj akceptis la aperigon de la E-kurso,nome "Die Frau","Burgenländische Freiheit" und "Amstettner Nachrichten".

Por pli interesigi la gepartianojn pri Esperanto ASLE pretigos afiŝojn,kiuj estos disponigataj al centraj kaj distriktaj sekretariejoj de la S.P.Ö. kaj sindikatoj por elpendigi ilin en ejoj de personoj bone frekventataj.

Kvankam ASLE dissendis al multaj gek - doj cirkuleron kun aliĝalvoko, ne ĉiuj sekvis ankoraŭ nian peton. Tial ni denove atentigas ilin pri la ekzisto de socialista E-movado kaj atendas ilian kunlaboron.

Okaze al la Viena Esperanto-Tago la 25. X. k-do Alfred Berdan donis en la kunveno superrigardon pri la laboroj kaj planoj de ASLE.

La estraro de ASLE transdonis al k-do dro Grimme gratuladreson okaze al lia 50-a nakiĝtago nome de la organizo kaj esprimis al li ne nur multajn bondezirojn, sed ankaŭ la esperon, ke li ankoraŭ longe aktive kunlaboru por la bono de la socialista Esp.-movado. A.B.

## NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO

Hamburg-Germanio : Oficiala E - kurso en la Ŝtata Vespera Lernejo por komerco kaj fremdaj lingvoj. London-Anglio : La konata revuo "Health and Life" aperigas en ĉiu n-ro E-paĝon. Bussum-Nederl.: La"Nedrl.Soc.de Blindaj E - istoj" aranĝis loterion. Siracusa-Italio : La "Intern.Asocio por defendo de Junulinoj" instalis E-o informejon.Bilbao-Hispanio : En aŭgusto okazis tie la "14-a hisp. E-Kongreso"; ĉeestis ankaŭ la urbestro. Como-Italio-: La prezidanto de la itala respubliko, prof.Einaudi, akceptis ree la honoran prezidantecon de la 25-a Itala E-Kongr.Okayama-Japanio : La 40a Kongr.de jap.E-istoj okazis tie. La guberniestro de O. dro Miki salutis la kongr.en E-o. Aŭgsburg-Germ.:La grupo "Laboro"aranĝis ekspozician angulon okaze de internacia teksista kongreso.Zagreb-Jugosl.: La junular-gazeto "Novini Mladih"enkondukis E-kurson,gvidatan de dro Maglianić. Frostevallen-Svedio : 9/13.VIII.okazis Sveda Somera Semajno,aranĝita de la Sv.E.-Instituto, subvenciita de la sveda registaro. Montserat-Hisp.: En la preĝejo de la fama monaĥejo estis benita la standardo de la E-fako de la Manresa Lingva Klubo. Opava - ĈSR : Antaŭ nelonge vizitis s-anino Cipera la tiean E-rondon de junuloj,kiu vigle aktivas por nia afero.Porto Alegre-Brazilo : Urba placo ricevis la nomon E-placo.Curitiba-Braz.:En Jan.1954 okazos tie la 14-a Brazila E-Kongr. strato estos nomita laŭ dro Zamenhof.General Alvear-Argent.:Unu el la centraj stratoj ricevis la nomon "Strato Zamenhof".Tokio-Japanio : La rektoro de la Universitato de Tokio, s-o prof.dro Yanaibara, rekomendis en intervjuo al la junaj studantoj lerni E-on-Paris-Francio : La estraro de S.A.T. preparas la eldonon de "Plena Ilustrita E-Vortaro". Haarlem - Nederl.: Dum la 39a Univ.E-Kongr. estos aranĝata florkorso. Hartford-USA: La loka E-grupo aranĝos Zamenhof-tagon kaj E-ekspozicion.

## HEROLDO DE ESPERANTO

La administracio de H.d.E. invitas ree al abono de sia granda ilustrita internacia gazeto - jare aperas 18 - 20 n-roj - Abonojn el Aŭstrio akceptas "Tramondo"-Esp.-eldonejo, Wien XV.,Fünfhausg.16. Abonkotizo 1954:S 60.-.Interesuloj petu alsendon de poŝtpagilo. Ges-anoj,kiuj pagos la abonon ankoraŭ en nuna jaro ricevos plurajn ĉi-jarajn n-rojn de la H.d.E. Kaj la alsendo ne estos interompita.

V.b.b.
Zl. 3216/47

## "TRAMONDO" ofertas:

| | |
|---|---|
| Aŭstria Antologio | S 7.- |
| Fingrulino (dro Sirk) | S 8.- |
| Wörterbuch Deutsch-Esperanto | S 20.- |
| Wörterbuch Esperanto-Deutsch | S 7.- |
| Für Kursteilnehmer beide zusammen | S 2o.- |
| Senhalte al celo (A.Norbert) | S 3.50 |
| Tri Majstronoveloj (Pebe) | S 3.- |
| "Mortado" de Nothnagel (Selzer) | S 3.- |
| Vienaj Legendoj (Dir.A.Mair) | S 3.- |
| La Mondopaco (Thiring-Dr.Sirk) | S 2.- |
| A.E.F.-Kantaro | S 2.- |
| Junaĝo (Stiegler-Bischof) | S 1.- |
| La Kvar Paĝoj (Stiegler-Bishhof) | S 1.- |
| Freude durch Esperanto-Lehrbuch (Steiner) | S 5.- |
| Lehrbuch des Esperanto (Brikisto) | S 10.- |
| Esperanto-Leitfaden (Königstedt) | S 6.- |
| Pri prepozicioj (dir.Mair) | S 3.- |
| Einzelstücke - unikaĵoj: | |
| Esperanto-Mittler der Weltliteratur (Oeste) | S 24.- |
| Ĉe sanktaj akvoj (Heer) | S 45.- |
| Leteroj de Zamenhof, 2 volumoj po | S 59.- |
| Leteroj de Lanti (S.A.T.) | S 34.- |
| Du amosentaj noveloj (Storm-Ebner-Eschenbach) | S 11.- |
| Pensoj de Zamenhof (angle-france-germ.-Esp-e) | S 4.5o |
| La dektria mortis | S 30.- |
| Invito al ĉielo | S 18.- |
| E.-Insignoj(pinglo)=S 4.-; E-glumarkoj(18 p.) | S 1.- |
| Taschenwörterb.(D-E)=S 2.2o;Esp.-Ŝlosilo | S 1.5o |

Ĉiu germanlingva libro estas je originala prezo mendebla pere de la Esp.-librovendejo"TRAMONDO"-Wien XV.Fünfhausgasse 16 - 18 (Tel.R 33-3-64) -- Viena Esperanto-Centro.

Eigentümer u. Herausgeber : Österr.Esperantisten Verband
Verlag : "TRAMONDO", - Verantwortlicher Redakteur : Hugo Kraus, sämtliche W i e n XV., Fünfhausg.16;Druck:Offset-Vervielfältigung ADRESSEN-SUPPAN,Wien IV.,Brucknerstr.2.